1/2001

Internacia Ĵurnalisto

cirkulero de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

# Ni invitas al kunveno dum la UK en Zagreb

## Elekto de estraro sur la tagordo

Ne estas novaĵo, ke TEĴA stagnas jam de pluraj jaroj, pro diversaj faktoroj. Sed mian sugeston, ke estus plej bone malfondi la asocion, ĉiam kontraŭis sufiĉe multaj membroj. Nu, certe ni ne plibonigus la mondon forigante la fakasocion; kaj eble ja tamen ni povus reaktivigi ĝin.

Kiel ajn, TEĴA ekzistas, eĉ se ĝi nur vegetas, kaj tri jarojn post la kunveno de Montpellier necesas denove elekti estraron, se la asocio vivu plu. Tiuj elektoj okazos dum la membrokunveno en Zagrebo (vidu la tagordon sur paĝo 2). Kandidatas por la posteno de prezidanto denove mi, Stefan MAUL, tamen ne persone povos ĉeesti la Universalan Kongreson; kiel vicprezidanto pretas daŭrigi Paul GUBBINS kaj kiel sekretario/kasisto YAMASAKI Seikô. Ne plu kandidatas Aleksander KORĴENKOV; nomon de alia kandidato por la kvara estrara posteno en la momento, kiam mi skribas tiujn ĉi liniojn, mi ne jam scias.

**Denove almanako**

Pri mi mem mi volas informi, ke estonte mi denove povos iom pli multe aktivi por TEĴA, post periodo, kiam pro diversaj kialoj – i. a. kvina manoperacio – mi ne povis multon fari. En aŭtuno ĉi–jara mi ĉesos deĵori en la ĵurnalejo de *Augsburger Allgemeine* kaj poste do havos pli multan tempon, kiun parte mi povos dediĉi ankaŭ al TEĴA. Estante ankaŭ redaktanto de nia organo, mi planas, komence de l' venonta jaro eldoni ĝin denove kiel almanakon, do kun pluraj paĝoj kaj ampleksaj artikoloj; monon por eldoni tian kajeron la asocio havas. Jam nun mi invitas niajn membrojn, kontribui al tiu numero de *Internacia Ĵurnalisto.*

La aliaj kandidatoj por la estraro en Zagreb tie prezentos siajn planojn kaj intencojn. Certe la nova estraro devos aktualigi ekzemple la laborplanon de TEĴA.

Post kolapso de l' komunismo ni decidis, ke membroj en ekssocialismaj landoj ĝuu rabatitan membrokotizon kaj ke tieaj landaj sekcioj povas mem fiksi siajn kotizojn. Nun, dek jarojn poste, estas tempo adapti ties kotizojn. (Tiuj sekcioj, cetere, jam delonge silentas – la estraro scias nenion pri ili.) Koncernan proponon pri kotizoj prezentos la kasisto.

Ke mi ne povos ĉeesti la kunvenon (kaj la kongreson) en Zagrebo, tion mi forte bedaŭras. Al la membrokunveno mi deziras sukceson, kompreneble. Se ĝi donus novan elanon al TEĴA, mi treege ĝojus.

Stefan MAUL
prezidanto de TEĴA

Ne forĵetu la koverton!

Atentu la adres-etikedon! Detalojn vidu sur paĝo 2.

## Kiel utiligi la reton por nia fakasocio?

Ĉu TEĴA pli multe ol ĝis nun povus utiligi por si kaj siaj membroj la avantaĝojn de interreto? Oni povus ekzemple pensi pri propra diskutlisto de nia asocio.

Kvankam en Esperantujo jam abundas tiaj listoj, eble specifaj interesoj kaj demandoj de ĵurnalistoj, redaktoroj kaj verkantoj pli bone hejmus en ĵurnalista diskutejo. Ni scias, ke tre multaj membroj de TEĴA havas ret–ligon, kaj ni scias, ke similaj diskutlistoj estas tre utilaj, ekzemple tiu de kunlaborantoj de MONATO. Tie oni traktas jen teknikajn, jen lingvajn kaj ne malofte ankaŭ etikajn temojn kaj problemojn de ĵurnalismo.

Certe, tiaj listoj foje enhavas la riskon de babilaĉado, sed aliflanke – se uzataj prudente – povas ankaŭ helpi multe laŭ diversaj aspektoj. Eble dum la membrokunveno en Zagrebo estos iom da tempo por diskuti tiun ĉi temon, eĉ formuli konkretajn proponojn. Tiuj el vi, kiuj havas retligon, sendepende de tio povus jam komuniki al mi sian opinion

sm

KOLOFONO

*Internacia Ĵurnalisto*
cirkulero de
Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)
aperas maksimume 4foje jare

Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, DE-86150 Augsburg, Germanio; retadreso: smaul86150@aol.com
Redaktofino de tiu ĉi numero: 25 jun 2001
Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.
Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio
Verantwoordelijke uitgever: Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

**Estraro de TEĴA:**
Prezidanto: Stefan MAUL (adreso supre)
Vicprezidanto: Paul GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio; retadreso: 100103.3317@compuserve.com
Sekretario/kasisto: YAMASAKI Seikô, Higasi Koigakubo 3-18-12, Kokubunzi, JP-185-0014 Tôkyô, Japanio; retadreso: syama@dokkyo.ac.jp
Estrarano: Aleksander KORĴENKOV

Arbitracia komisiono: István ERTL, Andrzej PETTYN, László SZILVASI
Laborkomisiono pri trejnado de ĵurnalistoj: estro Paul GUBBINS (adreso supre)
Laborkomisiono de radioĵurnalistoj: Andrzej PETTYN

Landaj sekcioj en Bulgario, Japanio, Pollando kaj Ruslando

Membrokotizo: 10 eŭroj jare (B-landoj 2,50 EUR). Pagu al konto tejh-u ĉe FEL (adreso supre) aŭ al UEA-konto de TEĴA: ttmj-f.

# Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio

## Tagordo

de la membrokunveno dum la UK en Zagreb 24an de julio 2001
17.00 - 17.45 horo en salono Röllinger (Hotel Esplanade)

1. Malfermo
   1.1. Elekto de protokolanto
   1.2 Kompletigo kaj akcepto de la tagordo

2. Agad–raporto de la estraro, kasraporto
   2.1. Raportoj de landaj sekcioj

3. Senŝarĝo de estraro kaj kasisto

4. Elekto de la estraro
Proponitaj estas:
Por la posteno de prezidanto Stefan Maul (Germanio)
vicprezidanto d–ro Paul Gubbins (Britio)
sekretario/kasisto YAMASAKI Seikô (Japanio)

5. Adapto de kotizoj

6. Aprobo de l' buĝeto

7. Diversaĵoj

---

# EPĈ – plia viktimo de kapitalismo

Ĉu vi ankoraŭ memoras belajn revuojn aperigitajn en komunismaj landoj, ekzemple bonkvalitan *Hungara Vivo*? Unu post alia ili malaperis post forfalo de ŝtataj subvencioj pro enkonduko de kapitalismaj merkat–principoj. Sole *El Popola Ĉinio* (EPC) eltenis pli longe, sed nun ankaŭ ĝi fariĝis viktimo de kapitalismo, por kiu ne valoras io alia ol profito. Dum jardekoj EPĈ spitis ĉiujn ŝanĝojn kaj kapricojn de l' ĉina politiko, liverante al siaj abonantoj (je malalta prezo) revuon altkvalitan kaj laŭ tipografio, kun multaj koloraj fotoj kaj bildoj, kaj laŭ kultura enhavo. Kiom la esperantistoj fieris pri ĝi! En neniu varbekspozicio mankis la prestiĝa revuo EPĈ.

Nu jes, ĝi ne tute formortis, sed pluvegetas en interreto. Klare, ke tia retversio neniel povas anstataŭi la paperan version. Aŭ ĉu eble mi, asertante tion, estas terure eksmoda?

sm

**ATENTU!**
**Nova ret–adreso de la prezidanto! Stefan MAUL havas novan adreson**
**smaul86150@aol.com**

La antaŭa adreso jam ne plu validas. Se vi do lastatempe sendis gravan komunikon al tiu adreso, bonvolu sendi ĝin denove al la supra. Mi bedaŭras la subitan ŝanĝon, pri kiu ne kulpas mi.

## Ne forgesu pagi!

Vi trovas sur la adres–etikedo malantaŭ via nomo duciferan aldonon; tiu indikas la jaron de via lasta kotizpago, do 99 ekz. signifas, ke tiun jaron vi pagis, sed poste ne plu. Por renovigi vian membrecon, pagu al unu el niaj kontoj indikitaj en la kolofono.
La kasisto anticipe petas pardonon pro eventualaj eraroj pri kotiz–pagoj; kiu trovis eraron, bonvolu informi la kasiston, prefere kun dato kaj konto de la pago.